12-a jaro. — N-ro 3 (133) MARTO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY. Fr. SCHOOFS. Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF. J. VAN LAERE. Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Konstantaj kunlaborantoj: M. BOEREN. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES M. JAUMOTTE. H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. J. VAN SCHOOR. H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, S. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 10.—
EKSTERLANDE : Fr. 12.50

ANTVERPENO
1926

Pretigu vian valizon!

# Proksima

# Belga Kongreso

# LA PANNE

## Pentekosto 1926

22 - 23 - 24 Majo

Programo aperos en Aprila numero

*La grupoj bonvolu*

*sendi al la Liga kasisto*

*siajn membrolistojn por*

**1926.**

12a JARO. N-ro 3 (133) MARTO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543 74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## VENU AL NI!

Fine ni atingis tiun regulecon en la aperigo de nia revuo, kiun niaj legantoj dum tiel longa tempa deziris kaj atendis, kaj kiun la estraro de Belga Ligo Esperantista deziregis, ĉar neniu kredu, ke nereguleco faciligas organizon kaj agrabligas la humoron de la organizantoj.

Sed nun, kiam ni faris la necesan klopodon por kontentigi la belgajn Esperantistojn, ni kredas, ke ni havas la rajton peti, ke ĉiu el ili ankaŭ montru sian bonvolon kaj faru sian devon antaŭ nia komuna afero. Unuvorte ĉiuj helpu nin por prezenti gazeton ĉiam pli kaj pli perfektiĝantan.

Kelkaj pretuloj jam staras ĉirkaŭ ni, sed ili ne ankoraŭ sufiĉas.

La manieroj por helpi estas tre diversaj. Unue oni ne forgesu tuj repagi sian kotizon al la loka Liga grupo, kies gvidantoj senprokraste likvidi siajn kalkulojn kun nia kasisto.

Plie en ĉiu grupo oni tuj priparolu la demandon pri efektiva kunlaboro al la redakta parto de nia organo. Sen iu dubo estas en ĉiu grupo almenaŭ unu samideano, kiu povas preni sur sin la taskon regule sed koncize raporti al nia sekretario pri la societa agado, kaj alia, kiu povas helpi nin per verkado.

Oni memoru, ke «B. E.» estas la organo kaj propraĵo de Belga Ligo Esperantista, do ligilo, kiu devas vivi per vigla kunlaborado de ĉiuj spertaj Esperantistoj el nia lando, sin okupantaj ĉu per propagando por nia lingvo, ĉu per apliko de la lingvo en kiu ajn laborsfero, literatura, scienca, aŭ alia.

Kompreneble, ni atendas ĉiujn sugestojn aŭ proponojn pri plibeligo de nia revuo, kiu jam de la jaro 1908 okupas indan lokon inter la nacia gazetaro Esperantista de la tuta mondo. Dependas nur de niaj fidelaj amikoj, ke ĝi iĝi la unua el ĝiaj kunfrataj eldonaĵoj.

Ni fidas kaj esperas.

B. E.




# LEKANTET-LEGENDO

**El «Landsche Vertellingen» de D-ro Juul Grietens.**

Ili estis dekduope, en la tempo kiam la homoj ankoraŭ estis tre bonaj aŭ tre malbonaj, dekduope en la «Societo de Mario». Post ilia dimanĉa kunveno ili eliris kune la vilaĝon tra la herbejoj kaj la arbaroj, malproksimen, flustrante kaj kaŝridante kiel monahinetoj.

Ili estis dekdu virgulinoj en la malfrua printempo, kiu trairis la landon intime kiel amkanto, kantata de nevideblaj alaŭdoj, kaj akompanata de la saltetantaj gestoj de flavaj papilioj. La floroj aŭskultis, kaj kapjesis kelkfoje mallaŭte, ke estas bele. Kaj brilis tiom da lekantetoj! Ili svarme plenigis la herbejojn; kune en blankaj grupetoj ili estis briletantaj kiel arĝenta neĝo, kaj vere, ili estis belaj kiel senkulpaj infanetoj.

Tiel la dekdu knabinoj trapasis la herbejojn, kiuj aspektis blankaj pro la majkisetoj. La tri fratinoj Hilda, Holda kaj Hulda iris antaŭe; sed inter ili estis eta knabino kun ĝibeto, kaj multe pli malgranda ol ili, sed pro tio tute ne malbonkora ; same bona kiel la tri fratinoj. Estis ja vere plezure vidi tian knabinon tiel balbiladante kun la tri belaj, graciaj fraŭlinoj, kiuj videble tute ne malŝatis ŝian akrotonan babillon.

Meze de grupo da kvin aŭskultantaj knabinoj,proksimume dekokjaraj marŝis la animo de l'aro,altkreska knabino dudeksesjara kun energia vizaĝo, pli malpli osteca.

Alloge ŝi parolis al siaj pli junaj kamaradinoj pri la tempo, kiam ŝi kun kapelpastro-starigis la societon. Malantaŭ ili, du, iom pli aĝaj, kiuj serioze interparolis pri sia estinteco, sed laŭ pli trenanta tono ol la aliaj, kies voĉoj ofte tiel alte kaj laŭte ekbruis, ke la alaŭdoj supre en l'aero senmove aŭskultis kelktempe. Ĉar tiuj knabinoj ankaŭ havis tonoriĉajn gorĝojn.

Tiel ili iradis tra la verdaj ebenaĵoj, malproksime, ĝis ili venis ĉe la ruĝ-ŝtona farmbieneto de Anna-manjo apud la arbarrando. Tiu dika, simplanima Anna-manjo pli frue estis servistino ĉe Hilda, Holda kaj Hulda kaj ĉiujare ili ankoraŭ reiris tien.

«Tagon, Anna-manjo!»

«Tagon, fraŭlinoj Hilda, Holda kaj Hulda! Tagon, ĉiuj! Eniru. Estas ĉarme viziti min ĉiuj kune.»

Kaj samtempe la vicaro sinfaldante eniris. Neniam estis tie tiom da homoj kune.

«Venu do, fraŭlinoj, venu do!» kaj Anna-manjo alportis seĝojn, kaj kiam ŝi ne plu havis seĝojn, ŝi ekstaris antaŭ siaj iamaj mastrinoj:

«Fraŭlinoj nun vi sidos sur la kesto« kaj la tri fraŭlinoj Hilda, Holda kaj Hulda sidiĝis sur la kesto, en kiu troviĝis la paskvestoj kaj la ŝparkesteto de Anna-manjo. Tiam supreniris gaja babilado kiel pepado de orfringoj en kaĝo.

Kaj Anna-manjo boligis ovojn en sia granda, nigra kaldrono, servis fromaĝon kaj detranĉis blankopanon.

Nun la knabinoj kaŝridadis ĉirkaŭ la larĝa tablo, kaj la tri, Hilda, Holda kaj Hulda, ridis de sur la kesto.

Gonde, la pala Gonde, ne manĝis. Ŝi neniam manĝis posttagmeze.

Anna-manjo estis ne kontenta.

«Fraŭlino Gonde, la manĝaĵoj estas bonaj; mi zorgis pri tio!

Kaj la knabinoj ridis kaj ŝercetis:

«Nu, Gonde, ne ludu do la piulinon, kaj manĝu kun ni!

«Gonde, poste vi ne kapablos iri pro svenemo».

«Aŭskultu, Gonde, mi ne portos vin!»

La pala Gonde lasis ilin paroli, kaj ridetis serioze. La kapelpastro iam diris al Hilda, ke Gonde estas sanktulino.

Poste, dankante tintis denove la voĉo de l' pli aĝa, kaj tintado de multaj voĉoj intime sonis tra la domo.

Kaj ĉifbruado de vestoj, kaj leviĝado de graciaj talioj, kaj kurbiĝado tra la malalta pordo... for...

«Tagon, Anna-manjo...»

---

«Tagon, Fraŭlinoj. Ĝis proksima jaro, se permesas Dio». La kvarhorsuno estis flagranta super la arbaroj, kiel la granda di-lampo de l'universo, kaj ĝi enlumigis ĉiujn arbojn kaj kreskaĵojn, por kunflamigi ilin en la vasta naturpreĝejo.

Pli rapide returnen paŝis la knabinoj, ĉar ili imagis vidi jam tie, super la arbarrando, la har-ondado de la nokto ankoraŭ dormanta.

Neniu branĉeto aŭ arbpinteto movis; estis tiel silente kvazaŭ ventis ankoraŭ neniam la vento. Enpensiĝe la knabinoj parolis kaj daŭre ili aŭdis resoni sian voĉbruon tra arbustoj kaj herbejoj. Bele estis promeni, tra tiu somera vespero, por tiu kiu sin sentas senkulpa.

Nun ili venis al herbejo, en kiu multege da lekantoj estis grupiĝantaj, pli multe ol en la aliaj. Ambaŭflanke fluis rivereto. Laŭlonge de ĝi, sur la herbeja vojeto ili paŝis en longa vicaro, unu post alia, la knabino kun la ĝibeto antaŭe. Subite kraketo en l'arbetaro. Ekfajfo. Okuloj spionobservas kaj kapoj montriĝas.

La fraŭlinoj haltas kaj sin turnas al la bruo. Stranga sento kaptas ĉiujn, sed ili ne ekkrias kaj ne forkuras.

Dekdu viroj elpaŝas el la arbustaro: la unua el la vicaro, la plej malgranda, portas ĝibon. Iliaj okuloj kaj vizaĝo estas tute voluptecaj. Ili penas ridi, kiam ili venas antaŭ la virgulinoj, sed ilia rido estas grimaco.

«Mario, helpu min en tiu ĉi granda danĝero!» laŭte preĝas la ĝibulino.

Kaj subite ekflamas la floroj antaŭ ŝiaj piedoj kiel fajropinglegoj al la okuloj de la ĝiba satiruso antaŭ ŝi. Li eklevas sian brakon antaŭ la okulojn gratas sian frunton kaj batfalas teren.

«Mario, gardu pure niajn animojn!» tiel nun laŭtpreĝas ĉiuj la knabinoj.

Kaj la malgrandaj floroj ĉiuj nun alten verŝas flavan fajroĵeton, ĉirkaŭata de blanka flamo. Dekunu brakoj konvulsie ekpremas okulojn elbruligitajn kaj la malĉastuloj falis radimortigitaj antaŭ la piedoj de l'knabinoj.

En la okuloj de la fraŭlinoj rebrilis la majokisetoj dolĉe kiel neĝo freŝfalinta. Ili rigardis unu la alian ruĝiĝante; fiksis reciproke floreton sur la bruston kaj dankante reiris hejmen.

Kiam Anna-manjo tion aŭdis, ŝi pendigis ĉe kverko en la herbejo kapeleton je l'honoro de Mario. Kaj ankoraŭ nun tiu herbejo nomiĝas «la herbejo de l'majkisetoj».

**El la flandra kun afabla permeso de l'aŭtoro trad.**

**HECTOR VERMUYTEN.**

**(Kliŝo de la eldonisto L. Opdebeek, Antverpeno.)**

# DOLORPLENA MEMORO

Kara panjo, kia sorto!
Por ĉiam do, vi estas for.
Silentu, mia la dolor',
Al mi restu, mia forto!

La signifon de la Morto
Ne sciis mi, nek de la plor'
Nun mi, aminda la trezor',
Ja komprenas! Terurvorto!

De mi forflugis ĉiu ĝoj',
Ne brilas plu, sur mia voj',
Varma lumo de l' korpaco.

Kruela frap'! Dolora sent'!
Eksonigu, tra la spaco,
Funebra kaj akrega plend'!

Bruĝo, la 3an de Januaro 1926a. R. KIERE.

# NAPOLEONO NENIAM EKZISTIS

Tio estas, laŭ ĵurnalista vidpunkto, certe sensacia titolo, ĉu ne, serioza leganto aŭ ĉarma legantino? Mia direktoro ĉiuokaze tiel opiniis ĉar li, kiu kompreneble havas nur la tempon por legi la titolojn de la artikoloj, kiuj aperas en lia revuo, — nur pro tiu titolo, kiu vendigos la numerojn kiel bulketojn —, promesis al mi pliàltigon de miaj honorarioj.

Mi ja devas konfesi, ke antaŭ du tagoj, ni mem vere ne sciis pri kio mi skribus hodiaŭ.

Mia direktoro eĉ al mi diris: — «Sinjoro Sehède, mi jam uzis ĉiun mian paciencon atendante la artikolon, kiun vi promesis al mi. Se vi ne alportas al mi morgaŭ artikolon por B. E. vi povas konsideri, ke vi ne plu estas membro de nia redaktoraro».

Aŭdinte tiujn arogantajn parolaĉojn, mi je tiu momento bedaŭris, ke mi ne plu estas fraŭlo. Mi estus dirinta al mia direktoro: «Gardu vian redaktorecon!» Sed ĉar mi devas gajni la panon por mia edzino kaj miaj kvin infanetoj, mi nur povis submetiĝi. Kaj ĉar mi tamen vespere, pro profesiaj devoj, devis ĉeesti spiritistan kunvenon, mi opiniis, ke mi povus facile verki ion aĉan por B. E. pri tiu temo.

Proverbo tamen diras: «Homo proponas, Dio disponas», eble tie la diablo disponis, sed io estas certa: Mi ne skribos pri spiritismo.

Efektive post la kunveno, kiun mi ĉeestis, mi iomete mokis la spiri-

tismon kaj por konvinki min, oni demandis al mi, ĉu mi ne dezirus paroli mi mem kun spirito, kaj kun kies. Mi duonmoke — pensante, ke oni tion ĝenerale nur faris kun mortintoj — diris: Jes, kun tiu de mia nepo.

— Nu, kun tiu de via nepo, diris la gvidanto, kaj li metis sur la tablon tabuleton kun ĉiuj literoj, la diversaj ciferoj, malgrandaj vortoj, kiel «Jes», «ne», «sufiĉas», «pliaj detaloj» kaj cetere.

La mediumo, kiu kun bastoneto sidiĝis antaŭ la tablo, demandis al mi skribi la literojn, kiujn montrus la bastoneto kaj kiujn li elparolus.

Al la demando de la mediumo, la spirito respondis:

— Mi estas Nikodemo Sehède, kiu naskiĝos en la jaro 1980...

(Tiu certe estos la Benjamena filo de mia dektria naskiĝonta filo, kaj la antaŭnomon certe elektos la bopatrinaĉo de tiu malfeliĉa filo.)

— Se vi volas, daŭrigis la spirito de mia nepo, Kara Aviĝonteto — (mi verdire dubas pri la vera bonsoneco de tiu stranga vorteto sed mi senkulpigas mian nepeton apud niaj gelegantoj: li nur naskiĝos en 1980!) — kaj ĉar mi scias, ke vi dezirus verki artikolon por B. E. mi ĝin diktos al vi. Mi intencas presigi mi mem tiun artikolon en granda gazeto en la jaro 2015 okaze de la ducenta datreveno de la tielnomita Waterloo-a venko kontraŭ Napoleono, sed tiam oni certe ne plu rememoros, ke la artikolo jam aperis en 1926 en B. E. kaj tio do tute ne gravas.»

Mi multe, multege miris, kaj jam rigardis malsupre miaj brovoj, ĉu la mediumo ne mokas min, sed la estro kaj la mediumo estis ambaŭ seriozaj, kaj ĉar Cicero diris, ke du aŭguroj ne kapablas rigardi unu la alian ne ridante, mi daŭrigis mian skriban laboron... kaj jen nun la artikolo, kiun diktis al mi mia nepo:

## POST LA ZAMENHOFA LEGENDO

### Ankaŭ Napoleono neniam ekzistis

de NIKODEMO SEHEDE.

«Jam antaŭ tri jaroj, ni,en la sama loko,pruvis per historiaj dokumentoj, ke Zamenhof estas legenda persono, kaj ke Esperanto estas ege malnova lingvo, kiu jam antaŭ multaj jarcentoj ekzistis. Ankaŭ tiam, multaj el niaj legantoj dubis pri tio, precipe ĉar la historio sciigis al ni ke unu inter la precipaj argumentoj kontraŭ la uzebleco de Esperanto estis antaŭ cent jaroj, ke Esperanto estus artefarita, ne-natura lingvo. Ni tamen, post longa polemiko, sukcesis klare pruvi, ke Esperanto estas neniel artifika, ke ĝi ekiĝis nature sur la Hindustana plataĵo antaŭ proks. mil jaroj, kaj ke ĝi tie daŭre estis uzata.

«Nun ni denove havas la, ni diru malagrablan,devon montri al la publiko de tiu dudekunua jarcento, ke alia granda parto de la mondhistorio same nur ripozas sur legenda fundo. Precipe en niaj gaŭlaj kaj belgaj subŝtatoj, sed ankaŭ en nia brita provinco, nia tezo certe ne tuj estos de ĉiuj akceptata. Certe oni klopodos kontraŭstari nian vidmanieron. Ni post du monatoj publikigos libron pri la temo, sed jam nun ni volas

atentigi la grandan publikon pri la fakto, ke Napoleono neniam ekzistis, kaj ke lia historio estas poeta kopio de la historio de la Sundio Apolo.

« Ni en tiu malgranda studo kompreneble ne kapablas pridiskuti ĉiujn detalojn de la vivo de nia heroo, kiel ni tion faros en nia libro, sed tamen, se ni volas resumi tiun vivon, ni povas noti la dek sekvantajn ĉefpunktojn en ĝi kaj ilin kompari kun la epizodoj de la vivo de la Sundio Apolo.

«Tiuj dek puntoj estas:

1) Li nomiĝis Napoleon Bonaparte.

2) Li naskiĝis en Korsiko, insulo de la Mediteranea Maro.

3) Lia patrino nomiĝis Laetitia.

4) Li havis tri fratinojn.

5) Li havis kvar fratojn, el kiuj 3 iĝis reĝoj, kaj unu princo de Canino.

6) Li havis du edzinojn el kiuj unu naskis filon.

7) Li pacigis la revolucian Francujon.

8) Li ordonis al 16 marŝaloj, inter kiuj estis 12 aktivaj, kvar neaktivaj.

9) Li triumfis je la Sudo, kaj falis je l'Nordo.

10) Post regno de 12 jaroj, kiun li komencis veninte de l'Oriento, li mortis en la okcidentaj maroj.

«Nun ni komparu:

1) La Grekoj nomis la sunon «Apollon». Tiu nomo devenas de la formo «Apollô», kiu signifas: mi pereigos. Tiun nomon ili donis al la Sundio post la batalo de Troja, kie multaj soldatoj pereis pro la varmeco. La nura diferenco inter la du nomoj estas do la litero «N» au pli bone la silabo «Ne». En la franca lingvo oni efektive ofte forfaligas la literon «e» en tiu silabo. Kie la francoj diras «Naples», ni diras «Neapolo». Nu, la vorteto «nè» en la greka lingvo estas certiga ekkrio, kaj «Neapoleon», do signifas la «Vera Apolo».

« La dua nomo estas Bonaparte. Tio estas pure, latina, kaj eĉ Esperanta esprimo. Napoleon Bonaparte, do signifas: la vera Apolo sendita «bona parte» Francujon.

2) La fakto, ke la poetoj naskigis «Apolo» apud ilia patrujo, Greklando, en insulo Delos, sufiĉe klarigas la naskiĝon de nia heroo en alia insulo de la sama maro, Korsiko, sed pli proksime de Francujo.

3) Nur la fakto, ke la grekoj nomis la patrinon de «Apolo», «Lèto», kion la Latinoj tradukis per «Latone» jam sufiĉas por pravigi la nomon «laetitia». Tiu vorto estas la latina traduko de «ĝojo» kaj ni rajtas vidi tie ĉi intencon de la verkistoj montri la ĝojon, kiu regas sur la tero pro la naskiĝo de la Suno.

4) Ĉiuj konsentos kun ni, ke la tri fratinoj de Napoleono, reprezentas la tri graciojn, fratinojn de Apolo.

5) La kvar fratoj de Napoleono sendube estas la kvar sezonoj de la jaro, inter kiuj tri regas super la floroj, la rikoltoj kaj la fruktoj, kaj

kiuj, same kiel la fratoj de Napoleono, ricevis ilian reĝecon nur de nia heroo, same tiuj tri sezonoj nur regas dank'al la suno. Kaj la kvara, la Vintro, nur estas princo, kaj la poetoj donacis al ĝi la princecon de Canino, modesta vilaĝego en Italujo. Kaj ankaŭ tiu nomo estas simbola. «Canus» en la latina lingvo efektive signifas «blanka» kaj Cicero kaj Ovidio uzas la vorton «cani-canorum» por signifi «la blankajn harojn de la maljunulo». Klare kvankam image, ni vidas tie la reprezentadon de la Vintro. Kaj la historio aldonas, ke Lucien Bonaparte, nur iĝis «princo de Canino» post la venkiĝo de sia frato, kaj ankaŭ tie estas imago de la Vintro, kiu nur komencas kiam la suno pro malalteco ne plu kapablas doni multe da varmo.

6) Laŭ la mitologio la suno havis du edzinojn, la Luno, kiu nenion naskis kaj la Tero, kies infano nomiĝis «Horus» aŭ en greka lingvo «Oros», kiu signifas ankaŭ «sezono, jardivido». Kaj kompare, ni atentigas pri la fakto, ke oni naskigis la filon de Napoleono la 20an de Marto, je l'ekvinokso, kaj speciale je tiu de la Printempo, kiam la reviglîĝo de la Suno permesas ĉiujn esperojn.

7) Per la «revolucia monstro», kiun Napoleono obeigis, la poetoj kompreneble intencis rememorigi pri la serpento Pithon, kiun Apolo mortigis. Por ambaŭ la herooj, tio estis la unua agego per kiu komenciĝis ilia aktiva vivo. Ni plie atentigas pri la analogio inter la vorto «revolucio» kaj la formo, la sintenado de serpento, kiu vere estas «revolutus» sur si mem.

8) Napoleono havis dekdu aktivajn marŝalojn. Tiuj estas kompreneble la 12 signoj zodiakaj, kiuj regas super multnombraj Steloj. Kaj la kvar ne-aktivaj estas la kvar senmovaj ĉefpunktoj, kiuj meze de la ĝenerala movado, restas ne-aktivaj.

9) La irado de la suno suden, poste al la nordaj regionoj je l'ekvinokso printempa; la reveno laŭ la linio de la Kankro, tiel nomita por montri la returnen iradon de la Suno, ĉu tio vere ne similas al la triumfoj de Napoleono en la sudaj regionoj, la ekspedicio je l'nordo, al Moskvo kaj la returnen-irado tiom terura al Francujo?... kaj fine

10) la regno de 12 jaroj de Napoleono, kiu venis de l'oriento kaj malaperis en la okcidentaj maroj, ĉu tio ne klare estas la alegorio de la Suno, kiu leviĝas en la Oriento por kuŝiĝi en la okcidento post restado de dekdu horoj, supre de la horizonto?

«Ni haltu tie ĉi la pruvfaradon, kiun ni pli detale klarigos en la libro, pri kiu ni parolis, sed ni tamen ankoraŭ volas atentigi niajn gelegantojn, pri la fakto, ke eĉ en la 19a jarcento. Casimir Delavigne, kiu i. a. skribis la libreton de la «Mutulino de Portici» kaj kiu mortis jam en 1843, skribis iam:

«Il n'a règné qu'un jour». («Li nur regis unu tagon».)

«Li kompreneble je tiu epoko ne pli detale kuraĝis klarigi sian opinion, sed tiu deklaro tamen rajtigas nin kredi, ke li jam, je tiu momento sciis, ke la historio de Napoleono nur estis fablo kopiita de la

suna mitologio. Kaj kvankam tio eble deprenos iom de la valoro de nia eltrovaĵo, ni faras honoron al Delavigne el la kuraĝo, kiun li tiam havis, klarigante tiom malkaŝe sian opinion...»

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Tio estis ĉio, kion la mediumo kapablis dirigi al la spirito, kaj ĉar mi intertempe iom laciĝis, mi opiniis, ke pro telepatia efekto ia, la spirito de mia nepo same laciĝis kaj mi volis atendi, ke ĝi iomete ripozu, sed la mediumo haltis, kaj sen mediumo mi kompreneble ne kapablis plie intimiĝi kun mia nepeto.

Mi ne povas promesi al vi, ke vi ankoraŭ aliajn artikolojn legos de li sed ĉiuokaze mi ŝuldas al li, ke mi ne estis forsendita el la redaktejo de B. E. kaj pro tio mi dankas lin tutkore.

Maur. SEHEDE.

---

# AMO

de HELENA SWARTH.

Juneco, vi havas
Esperojn kaj revojn;
Printemp', estas viaj
La rozoj kaj kantoj.

La perloj, koralo,
Al vi, granda maro;
Vi, steloj brilantaj
Ornamas ĉielon.

Al hom' apartenas
La am' korgajiga,
Ĝi, kiu kondukas
Al celo plej alta!

Ho, ĉio surtera
Naskiĝu velkebla,
Sed amo ne mortas
Ĉar Dia ĝi estas!

La revoj junecaj
Ĝojigas mallonge!
La rozoj printempaj
Sekiĝas rapide!

La perloj plej belaj
Ĉesigas briladon;
La steloj paliĝas
Je l'tagproksimiĝo!

Sed, Dia fajrero,
La Amo sanktigas
La homon kaj ĝiajn
Laboron, esperon!

Ĝi floras belete
Sur nia irejo!
Ho! Nia trezoro
Ĝi estas kaj ĝojo!

La granda kaj noblo,
La puro kaj bono
Ekĝermas per amo
En homa animo.

Am' estas de Dio
Plej granda donaco,
Kaj homon senaman
Li kreis neniam!

Tradukis L. COGEN.

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** — «La Verda Stelo». — Laŭkutime, okaze de la karnavalfestoj, tiu grupo organizis la 6an de Februaro maskobalon, kiu havis brilan sukceson, dank' al la bona aranĝo de la organizintoj unuflanke kaj la gaja humoro de la ĉeestantoj aliflanke. La 13an la membroj kunvenis en sia kutima ejo, «De Witte Leeuw», kie ili pasigis amuzan vesperon per vigla konversacio kaj agrabla pianludado. La 20an F-ino De Buyser kaj S-ro Van Winge antaŭlegis, preskaŭ antaŭ... ludis la spritan teatraĵon «Amo per proverboj» Esperantigita el portugala lingvo. S-roj De Ketelaere kaj Vermuyten plenigis la programon per legado de diversaj versaĵoj. La 27an okazis la monata ĝenerala kunveno. Multnombraj ĉeestantoj. La komitato raportis pri la kunmeto de la estraro por 1926: prez. S-ro F. Schoofs; Vicpr. S-ro M. De Ketelaere, Sekretarioj: S-ro M. Boeren kaj F-ino J. Van Bockel, Kasisto: S-ro E. De Coster. Pri la lastokazinta balo estis komunikata la rezulto, kiu estas bonega laŭ ĉiuj vidpunktoj dank'al kunhelpo de la membroj; specialan dankon ricevis, kun aparta modesta sed kora memoraĵo, F-ino B. Horemans. — La kunveno aprobis unuanime la projekton de la Komitato pri starigo sur serioza financa fundamento de eldona societo, pri kiu ni reparolos en nia proksima numero. — S-ro Jaumotte raportas pri la agado de la grupo en la radiofona fako, kaj esperas ke proksiman monaton li povos doni informojn pri definitivaj rezultoj. — La Komitato anoncis, ke ekzameno por la lernantoj de la vintraj kursoj okazos la 4an de Marto, kaj ke la kutimaj someraj kursoj komenciĝos la 13an kaj 15an de Aprilo proksima. Varma alvoko al ĉiuj membroj por varbi novajn lernantojn.

**BRUSELO.** — La 12an de Februaro la grupo «Antaŭen» de St. Gilles kunvokis la konatajn bruselajn samideanojn en la «Foyer intellectuel», tiele komencigante novan periodon de propagando en la ĉefurbo. Nova kunveno estis decidita por la 1-a de Marto. Ni ne dubas, ke la freŝaj klopodoj de niaj bruselaj geamikoj portos multajn kaj riĉajn fruktojn.

— S-ro L. Bas, lerninto de la perradia kurso de D-ro Corret, nun jam instruas nian lingvon al deko da telegrafistoj.

**LA PANNE.** — La kurso, gvidita de S-ro Benoit, delegito de UEA en Oostduinkerke, estos finita je la 4-a de marto.Ĉirkaŭ 20 lernantoj ĉeestis fervore ĉiujn lecionojn, kaj iĝos bonaj esperantistoj: estas bona semo por estonteco!

Estis fondita loka grupo kaj la 26-an de februaro, ĝenerala kunveno elektis komitaton: Prezidanto, S-ro De Mailly; sekretario: S-ro Van Doren; Kasisto: S-ro Dequeker; komitatanoj: fraŭlinoj J. Bary kaj A. De Bruycker, S-ro Tayart. La nova grupo aliĝos al Belga Ligo.

La sama komitato estis komisiita por organizi la belgan kongreson, kiu okazos dum la tagoj de Pentekosto (23-24an de Majo 1926). Grava

helpo por tiuj festoj estos tiu de la «Ligue des Intérêts Matériels de la Panne», kies prezidanto estas ankaŭ S-ro de Mailly: sukceso estas de nun certa kaj la komitato esperas, ke multaj belgaj samiedanoj vizitos la marbordan urbeton dum tiuj tagoj. Kiel por aliaj kongresoj estos oficiala parto, sed la festoj estos speciale interesaj.

La novenaskita grupo intencas pruvi. ke **«Valoro estas sendependa de la nombro de la jaroj»**; la komitato fidas je la helpo de ĉiuj belgaj samideanoj; ĝi estus dankema al tiuj, kiuj kuraĝigos la organizantojn, per tuja sendo de karteto, por sciigi sian viziton. Adreso de la Sekretario: Sinjoro J. VAN DOREN, 33, Bd. de Nieuport, La Panne.

**MEĤLENO.** — La loka grupo organizis bone sukcesintan balon je la 6a de Februaro en «Salle de Paris».

---

# 15-a BELGA KONGRESO ESPERANTISTA

**LA PANNE, 22-24 MAJO 1926.**

---

ĜENERALA KUNVENO DE BELGA LIGA ESPERANTISTA. — La membroj, kiuj deziras pritrakti temon dum la kunveno, bonvolu informi pri tio antaŭ la 28a de Marto la ĝeneralan sekretarion, S-ron H. Petiau, St. Lievenslaan, Gento.

---

# PROGRAMOJ.

Sub ĉi tiu rubriko ni konigas la programojn de niaj ligaj grupoj, kiuj sendos al ni la necesan materialon koncize redaktitan antaŭ la fino de la monato.

---

**GENTO.** — «Genta Grupo Esperantista» organizas grandan propagandan feston, kiu okazos sabaton, **20an de Marto,** je la 8a vespere en salonego «Concordia». Ĉiuj samideanoj estas kore invitataj.

**ANTVERPENO.** — **«La Verda Stelo»:** Marto 20: 8a h. en «Witte Leeuw», Frankrijklei, 4 (Avenue de France): kantlernado, ludoj;

Marto 27: 8a h. en «Witet Leeuw»: ĉiumonata ĝenerala kunveno, kaj disdono de diplomoj al la lernantoj de la lastvintra kurso.

Marto 27: 8a h. en «Witte Leeuw»: ĉiumonata ĝenerala kunveno, kaj

Aprilo 3: 8a h. en «Witte Leeuw»: A muza vespero.

Aprilo 10: 8a h. parolado de S-ro De Schutter: Kelkaj proverboj.

Aprila 17: 8a h. en «Witte Leeuw»: koncerta vespero.

Aprilo 24: 8a h. en «Witte Leeuw»: ĝenerala kunveno.

# 18-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO

**EDINBURGO — 31 Julio ĝis 7 Aŭgusto 1926 — EDINBURGO.**

**EL BULTENO 2-a. de 30 Januaro 1926.**

**Adreso por leteroj:** Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, EDINBURGO, Skotlando.

**Aliĝiloj:** Disdonitaj pere de Gazetoj (Januara kaj Februara) kaj de Naciaj Asocioj. Nericevintoj bonvolu peti aliĝilon rekte de la sekretarioj.

**Kotizo:** Brita ŝtatbileto por L. 1, sendota per rekomendita letero.

**Garantia Kapitalo:** Jam garantiita L. 242.



EDINBURGO. — LA KONGRESEJO.

**Donacoj ricevitaj:** Por Ordinara Kaso L. 31. Por Blindula Kaso L 8. Por Speciala Celo L. 60: du malavaraj samideanoj, sub la ĉifra divezo, «Ŝmizropga tivŭut hahome un ĉosopjuh». La unua solvonto de tiu ĉifro ricevos de la donacintoj senpagan kongreskarton.

**Somera Universitato:** Senpage por ĉiuj Kongresanoj. Paroladoj ĝis nun aranĝitaj: Folkloro kaj Popolaj kantoj: Francujo: Prof-o Th. Cart; Germanujo: S-ro Paul Bennemann; Polujo: S-ro Grenkamp-Kornfeld; Rumanujo: S-ro Andreo Ĉe; De Hebreoj: D-ro Immanuel Olŝvanger.

Lingvistiko: Prof-o W. E. Collinson, Liverpool (Esperanto kiel vojo al la Lingvoscienco— du prelegoj).

Medicino: Prof-o Odo Bujwid, de la Jagelona Universitato, Krakovo (Homo kaj Mikroboj*); D-ro Pascal Deuel, Leipzig (1. Modernaj Sukcesoj en la Terapio de Ftizo*; 2. Pri la Plilongigo de la Homa Vivo).

Scienco: D-ro E. E. Fournier d'Albe (temo poste anoncota). S-ro Rinaldo Orengo, antaŭe en la Astronomia Observatorio de Firenze (La Suno—du prelegoj*). D-ro Alfredo Stromboli, el Pisa (Elektrometalurgio en Italujo*).

Internacia Laboroficejo de la Ligo de Nacioj: S-ro C. C. Tarelli, oficiala delegito al la Kongreso, faros du prelegojn pri la I. L. O. (1. Konstitucio kaj Celoj; 2. Laboro kaj Rezultoj).

* Kun lumbildoj.

**Patronoj:** Lia Princa Moŝto la Duko de Connaught afable konsentis esti Patrono de la Kongreso. Sur la listo de Patronoj troviĝas ankaŭ la nomoj de la Urbestroj de Edinburgo kaj aliaj urboj, famaj Edukistoj, Parlamentanoj, k. t. p.

**Fakaj Kunvenoj:** Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn, por ebligi taŭgajn aranĝojn.

**Akceptoj:** Sabaton, la 31-an de Julio: Bonveniga Akcepto de la Skota Federacio Esperantista kaj de la Edinburga Esperanto-Societo, kaj Interkonatiĝa Vespero. Filmoj de Skotlando.

Lundon, la 2-an de Aŭgusto: Lia Urbestra Moŝto, la Magistrataro, kaj la Urba Konsilantaro de Edinburgo faros Civitan Akcepton al la kongresanoj.

**Blinduloj:** Laŭ afabla konsento de la Internacia Centra Komitato, Blindaj Esperantistoj povas aliĝi sen pago de kotizo.

**Kongresaranĝoj:** Diversaj Koncertoj, senpage por kongresanoj (inkluzive de tutvespera koncerto de la fama ĥoristaro, la «Glasgow Orpheus Choir»).

Internacia Balo, senpage por anoj, en la plej luksa Edinburga dancejo.

Ekskurso tuttaga, jaŭdon, la 5-an de Aŭgusto, al belegaj fjordoj apud rivero Clyde.

Vizito al bela Zoologia Parko, kun apartaj privilegioj.

Komuna Kantado, sub gvido de S-ro Harrison Hill.

La Loka Kongresa Komitato bedaŭras, ke estas neeble lui teatron.

**Fervojrabato:** Revenbiletoj de ĉiuj Britaj stacioj kaj havenoj al Edinburgo, po 1 1/3 de la ordinara unuvoja kosto.

**Loĝado:** Aranĝoj pri loĝado bone progresas. Detaloj aperos en Mendilo baldaŭ eldonota. Fruaj aliĝantoj havos la unuan elekton.

**Ŝparkaso:** Almenaŭ unu Brita Esp-a Grupo starigis Ŝparkason, por kolekti ĉiusemajne sumojn, eventuale uzotajn por kongresaj elspezoj. Sekvinda ekzemplo!

**Aliĝoj** Laŭ la nacieco: — Skotoj 76, Angloj 71, Germanoj 17, Francoj 4, Poloj 3, Nederlandanoj 2, Aŭstro 1, Ĉeĥo-slovako 1, Kimro 1, Italo 1, Sviso 1.

# MIRINDA ELTROVO.

El Londono oni sciigis, ke du Angloj eltrovis la rimedon por anstataŭi la presadon kun metalaj literoj per alia metodo, kiu forigus la literkestetojn kaj la linotipojn.

Tiuj Angloj trovis fotografajn rulfilmojn kiuj donas la literojn, ciferojn, legsignojn kc. kaj anstataŭas la respondantajn tipojn. La eltrovaĵo tute renversus la nunan presmanieron. La presejoj povus esti tre malvastaj kaj la kostoj multe pli malaltaj.

La nova sistemo pensigas je la skribmaŝino. Priagata per la telefono kun-aŭ-sen-fadena, kaj ekz. ekfunkciata en Londono( la aparato kapablus produkti tekstojn samtempe en Parizo kaj en Edinburgo.

El la du eltrovintoj, unu Aŭgusto, estas inĝeniero kaj posedas jam 14 eltrovatestojn, kaj la alia, Hunter, lia bofrato, estas ekspertizisto je pres-kaj-fotografarto. Ili faris provon per la nova aparato antaŭ la redaktoro de «Morning Post».

La ordinara kompostisto estus anstataŭata de foto - kompostito; la nuna materialo eks-uziĝus kaj milionoj estus ŝparataj en la presprofesio. Libroj kaj gazetoj fariĝus pli malmultekostaj, pli belaj pli klaraj. La eltrovintoj esperas, ke ilia maŝino estas surmerkatigota je Kristnasko 1925. Post kelkaj jaroj ĉiuj ĵurnaloj uzos la sistemon. Atendante oni povas ekuzi ĝin por la libroj kaj la revuoj. Sep-dek ŝirmatestoj en Anglujo kaj en eksterlando protektas la novan eltrovajon.

Aliparte ŝajnas, ke la principo de la nova eltrovaĵo ne estas nova, ĉar antaŭ multaj jaroj la nun malaperinta ĵurnalo belga «Le Petit Bleu», publikigis unu el siaj paĝoj per simila procedo, asertante ke en okazo de striko de la presaj laboristoj, la gazeto tamen povus aperi dank'al la «nova procedo». Tiu paĝo aspektis kvazaŭ presita per skribmaŝino.

**Tradukita el «Gazette van Gent» kaj aranĝita de L. COGEN..**

---

# ESPERANTO FACILA

La nova rubriko estas bone akceptita! Jen jam la verketoj de du novaj kunlaborantoj. La unua verkaĵo estas de samideano, kiu havis nur dek lecionojn de nia kara lingvo. Li opinias ke la plej bona rimedo por perfektiĝi estas kunlabori al nia revuo kaj tiamaniere uzi Esperanton. Ni gratulas lin pro lia laboro kaj dankas ambaŭ gesamideanojn pro ilia helpo.

* * *

**AVENTURETO.**

Iam, dum la mondmilito, estante en forpermeso en Parizo, mi promenis sola laŭ unu el la ja bone konataj aleoj de tiu-ĉi urbo. Mi, kompreneble, estis vestita per plena «parada» uniformo belga — kio ne

signifis multe, speciale en militaj tagoj; unuvorte mi ŝajnis pli malpli ridinda.

La ideo venis al mi aĉeti kelkajn objektojn, kiam mi pasis antaŭ belega ledajbutiko.

Ĉar de longe mi deziris paron da botoj, mi eniris la suprenomitan butikon. Per elektra sonorileto, fiksita ĉe la stratpordo, la gebutikistoj estis sciigitaj pri mia eniro, ĉar tuj aperis, venanta el la postmagazeno, granda, maldika viro, senbarba, aspektanta atingi la kvardekon, kaj posedanta fremdan mienon. Mi esprimis al li mian deziron aĉeti paron da flavaj botoj, li, senprokraste, elmetis tutan kolekton de la demandita artikolo sur sian vendotablon, aldirante la diversajn prezojn. Mi provis, argumentis, meditis, elektis, kaj, fine faris decidon. La fremdulo donis al si ĉiujn penojn pri la enpakado de la venditaj piedvestoj. Li diris al mi la prezon: «Estas naŭdek frankoj, Sinjoro, mi petas». Laŭ mia opinio tio estis sufiĉe kara, sed mi prenis la sumon el mia poŝo, ĝuste kiam bela kaj juna virino, venanta el la postbutiko, eniris la ejon. Post kiam ŝi estis ekjetinta bonvolan rideton al mi, ŝi komencis interparoladon en angla lingvo, preskaŭ jene: «Kiom vi kalkulis al tiu soldato?» — «Naŭdek frankojn, karulino!» estis la respondo. «Sed, vi scias ke estas nur sepdek frankoj» daŭrigis la bela virino. — «Jes ja, sed tiu ĉi belgeto pagos naŭdek, nesciante alion» kontraŭrespondis la malaloga viro... Je tiuj lastaj vortoj, mi diris angle: «Mi plezuras aŭdante, ke via artikolo ne valoras pli ol sepdek frankojn, kaj mi certe ne pagos pli! Sciu vi ke tiu belgeto parolas kvar lingvojn kaj ke li estas lernanta kvinan!»

Imagu al vi, la kapon de tiu ĉi komercisto, malantaŭ lia vendotablo, karaj gelegantoj!

Originale NIC. VAN WINGE.

* * *

## LA KVERKO KAJ L'ABIO.

Iam staris juna kverko, fiera kaj bela, ĉe la rando de densa arbaro. Ĉiu homo, preterpasante, laŭdis ĝin.

Kiom da fojoj ĝi ja ne aŭdis:

— Kia bela arbo! Kia foliaro! Ĝi certe fariĝos iam la reĝo de l'arbaro!

Ĉio tio ĉi, iom post iom, influis la karakteron de la juna kverko, en kiu baldaŭ kreskis senlima estimo por si mem.

La aliaj arboj, super kiuj ĝi jam malhumile povis rigardi, ofte interparolis pri tiu fieregeco. Abio, sola, nenion diris, sed multe pensis.

Printempe kaj somere do, nia kverko montriĝis en plena gloro. Birdoj amase ludetis, fajfis kaj pepis en ĝia foliaro. Multaj insektoj vivis sur ĝiaj branĉoj kaj folioj, kaj la kvarpiedulo de l'arbaro, kiam suno ardas, serĉis apud ĝi ombron kaj freŝecon.

Kiam pluvas, tuj alkuris homoj kaj bestoj, por trovi rifuĝon.

Sed venis frosto kaj neĝo!... Tiam la roloj renversiĝis. Dum la kverko nur skelete aspektis, l'abio, kun sia nigreverda mantelo, siaj moviĝemaj pintfolietplenaj branĉoj, poezioplene staris, rompanta la unutonecon de l'malviva arbejo.

Kiom la kverko, dum tiuj longaj tagoj, sopiris! Kiom ĝi tiam ĵaluzis sian najbaron! Tio, iom post iom naskis en ĝi ideon.

— Jes, ĝi pensis, mi ankaŭ, vintre, estos verda! Ne estos, verdire, per miaj propraj folioj. Sed, negrave estas. Por venki, ĉiuj rimedoj estas bonaj. Kaj la hedero sufiĉe fiera estos, ke ĝi povos helpi min.

La kverko do, kiu rimarkis la sur tero rampantan, ĉiam verdan hederon, afektante superecon, al ĝi diris:

— Humila kaj senglora rampaĵo, mi rimarkis vin. Venu, kaj kresku laŭlonge de miaj trunko kaj branĉoj. Iru rapide kaj kresku senlace!

Tion faris la hedero. Ĝi suprenrampis rapide. Ĝi kovris la trunkon, ĝi kovris la branĉojn, sed ĝi ankaŭ ĉie alkroĉigis siajn radiketojn, por pli bone plenumi, sur la fierulo, sian pereigan taskon.

Vintre nun, la kverko verde aspektas, sed kiom ĝi bedaŭras sian malhumilecon! Sed tro malfrue estas. La parazito, kiun ĝi venigis por satigi ĝian gloramon, estis la kaŭzo de ĝia konsumiĝo.

Anstataŭ fariĝi la giganto kiun promesis ĝia frumatureco, ĝi fariĝis vegetaĉanta arbo,kiun la preterpasantoj neatente kaj indiferente preterpasas.

L'abio, kiu ne klopodis por superstari siajn najbarojn, male, pli kaj pli vigle aspektas, portanta sur si la dignecon kaj la ĉarmon kiujn donas bela interna vivo!

Lucette FAES - JANSSENS.

---

# GRATULOJ

Al Fraŭlino Bertha Beelaerts, eksprezidantino de la Meĥlena Grupo Esperantista, kiu fianĉiniĝis je S-ro Cesar Colette, el Antverpeno.

Al S-ro J. A. Cnops, membro de la Meĥleno Grupo Esp., kiu fianĉiĝis kun Fraŭlino Gabrielle Serneels, el Meĥleno.

Al S-ro E. Urbach kaj F-ino A. Weinberg, kiuj geedziĝis.

---

# NEKROLOGO.

S-ro GUILLAUME VERMEULEN, pensiumita artileria leŭt.-kolonelo, staba adjunkto, kavaliro de l'Ordeno de Leopoldo, mortis en Antverpeno la 6an de Februaro. 76-jara, li estis unu el la unuaj pioniroj de la Esperanta movado en Antverpeno, kie li tre ageme laboris kiel komitatano de la Antverpena Grupo Esperantista. Al la funebranta familio ni prezentas nian sinceran kondolencon.

| | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | | 3 | 4 | 5 | | ■ | 6 | 7 | 8 | 9 | | 10 | 11 |
| 12 | | ■ | 13 | | | ■ | ■ | ■ | 14 | | | ■ | 15 | |
| | ■ | ■ | ■ | 16 | | 17 | ■ | 18 | | | ■ | ■ | ■ | |
| 19 | 20 | ■ | 21 | | | | 22 | | | | | ■ | 23 | |
| 24 | | 25 | | ■ | 26 | | | | | ■ | 27 | 28 | | |
| 29 | | | | 30 | ■ | 31 | | | ■ | 32 | | | | |
| | ■ | 33 | | | 34 | | ■ | 35 | 36 | | | | ■ | |
| ■ | ■ | ■ | 37 | | | ■ | ■ | ■ | 38 | | | ■ | ■ | ■ |
| 39 | ■ | 40 | | | | 41 | ■ | 42 | | | | 43 | ■ | 44 |
| 45 | 46 | | | | ■ | 47 | 48 | | ■ | 49 | | | 50 | |
| 51 | | | | ■ | 52 | | | | 53 | ■ | 54 | | | |
| 55 | | ■ | 56 | 57 | | | | | | 58 | | ■ | 59 | |
| | ■ | ■ | ■ | 60 | | | ■ | 61 | | | ■ | ■ | ■ | |
| 62 | 63 | ■ | 64 | | | ■ | ■ | ■ | 65 | | 66 | ■ | 67 | |
| 68 | | | | | | | ■ | 69 | | | | | | |

# PROBLEMOJ

N. 6. Simetria Krucvorta Problemo.

HORIZONTALE. — 1. Markita per strekoj. — 6. Arbusto de kies beroj oni faras siropon; — 12. Prepozicio; — 13. Kiu bonvole faras ion; — 14. Ĝemo; — 15. Prepozicio; — 16. Monto; 17. Lasta parto; — 18. Prepozicio; — 21. Lingvo; — 23. Konjunkcio. — 24. Adverbo; — 26. Parto de la korpo; — 27. Ligi per agrafo; — 29. Ovpreparaĵo; — 31. Poseda vorto; — 32. Kiu similas al grasa fluidaĵo; — 33. Objekto en multekosta metalo; — 35. Kiu rilatas al lando de Azio; — 37. Ordona modo de verbo; — Konjunkcio; — 40. Speco de stilzobirdo; — 42. Ŝenharigita; — 45. Lando de Azio; — 47. Ludkarto; — 49. Gaso; — 51. Ne resti; — 52. Pikilo; — 54. Malnova mezuro; — 55. Pronomo; — 56. Religia ceremonio; — 59. Prepozicio; — 60. Partikulo; — 61. Ne doni; — 62. Maljesa esprimo; — 64. Tre; — 65. Fari; — 67. Nomo de litero; — 68. Preĝo; — 69. Malgrandegulojn.

VERTIKALE. — 1. Ambasadoroj; — 2. Sufikso; — 3. Adverbo; 4. Malo de malamas; — 5. Mambesto; — 7. Parencino; 8. Likvordona vegetaĵo; — 9. Prefikso; — 10. Konjunkcio; — 11. Parencino; — 17. Loĝanto de Azia lando; — 18. Infaneto multfoje faras; — 20. Ĉiu lando

havas; — 21. Titolo de eksfunkciulo; — 22. Denove fari; — 23. Orda nombro; — 25. Flanko de konstruaĵo; — 28. Asocio; — 30. Kio rilatas al pezo de pakaĵo; — 32. Kiu rilatas al parto de la kapo; — 34. Solene certigi; — 36. Ne vira; — 40. Pronomo; — 41. Senparfuma floro; — 42. Ne fremda; — 43. Kolekto; — 44. Avizon; — 46. Pronomo; — 48. Prepozicio; — 50. Grasa fluidaĵo; — 52. Surskribo de letero; — 53. Akvetendaĵo; — 57. Estru; — 58. Sufiksa nomo; — 63. Sufikso; — 64. Inklino sen finaĵo; — 66. Anagramo de pronomo; 67. Sufikso.

7. — TRIANGUL - ENIGMO. — 1. Adorejo; 2. Adoranto; 3. Literaturaĵo; 4. Pinta fera ilo; 5. Sekreciaĵo; 6. Sufikso; 7. Konsonanto; 8. Vokalo.

8. Al kiu dio estas la plej kara?

---

Solvojn oni sendu al ni antaŭ la 20a de Aprilo 1926, prefere skribitajn sur poŝtkarto. En la lasta numero de la 12-a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Belaj premioj estos aljuĝataj.

En la numero de Aprilo ni konigos la solvojn de la problemoj de la kajeroj de Januaro kaj Februaro.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ.

INTERNACIA RADIO - ASOCIO. — La nova internacia Sekretario de I. R. A. nun estas S-ro E. Aisberg, 18, rue Gerando, Parizo (9e).

LA 11a INTERNACIA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ okazos en Spa, dum Aŭgusto 1926.

LA HUNGARA RADIO-GAZETO «Magyar Radio Ujsag» regula enhavas kronikon por eksterlando en Esperanta lingvo.

GRAVA GAZETO ««La Revue de l'Univers», oficiala organo de la «Alliance internationale pour les Libres Echanges», energie sin okupas pri propagando por Esperanto. Ĝia ĉefredaktoro, S-ro Raymond Julliard verkis libron Babel — «est-elle encore maudite?» kun antaŭparolo de la fama scienculo kaj nia samideano Charles Richet. La adreso de tiu revuo,kiu uzas nian lingvon kaj havas specialan patronan komitaton Esperantistan, estas: Boîte Postale 49, Hôtel des Postes, Parizo.

REVUE DES MUSEES deziras interrilati kun arheologoj el la tuta mondo. Ĝi deziras ricevi kaj publikigi artikolojn en Esperanto. Sekretario de la Esperanto-fako: R. J. Filliâtre, 28, rue de l'Agent Dufraine, Saint-Cyr l'Ecole (S. & O.).

---

# LETERKESTO

B. D. el C. — La traduko estas ege bona, kaj ni do kun plezuro ricevos de vi aliajn tradukaĵojn, sed ĉu vere la teksto, kiun vi tradukis, valoras tiun honoron? Ĉiuokaze ne tiun de la enpreso, ĉu ne?

V. H. el H. — Akrostiko estas origine poezio, tiele kunmetita, ke la unuaj literoj de ĉiu verso, legataj unu post la alia,formas vorton. En la problemo oni do devas legi unu post alia ĉiujn literojn, kiujn oni aldonis kaj tiuj literoj devas formi frazon.

M. S. el B. — Via artikolo pri Gent aperos en Aprilo.

H. R. el B. — Ni ĉiuokaze enpresos vian skribaĵon, tamen ne malpacienciĝu se tio ne okazas en Aprilo; eble ni devos prokrasti ĝis Majo. Ni efektive ne povas plenigi unu numeron nur per poezioj, alian nur per prozaĵoj, alian per problemoj. Ne per unu legomo oni faras bonan supon.

---

# BIBLIOGRAFIO.

ATTA TROLL. — Somernokta Sonĝo. — Heinrich Heine. — No 10 de la NOVA ESPERANTO BIBLIOTEKO. — 96 paĝoj de 11.5 × 16 cm. Traduko de Zanzoni. — Prezo: RM. 1.50.

Eldonita de la Esperanto - Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. — Berlin & Dresden. 1925.

Lertega esperantigo de la malfacile tradukebla ĉefverko de Heine. La satira spirito de la originalo estas fidele redonita en la literatura laboro de Zanoni.

KRIMINOLOGIO. — De D-ro Rustem Vambery. — Tradukis el Hungara D-ro V. Toth, polickonceptisto. — Eldono de «Kulturo kaj Scienco». Eldonita de la Hungara Esperanto Instituto Budapest 1924. — 88 paĝoj de 11.5 × 16 cm. Prezo: 1.50 Oraj Kr. (= 0.30 Doll.)

Plej interesa sociologia studo. La traduko estas farita en simpla kaj klara lingvo, kiu igas la verketon — kun iom fortimiga titolo — facile legebla al ĉiu bona Esperantisto.

OOMOTO. — LA NOVA SPIRITA MOVADO. — Enhavo: Antaŭparolo. — I. La ĉefaj punktoj el la historio de Oomoto. — II. Oomotoismo. — III. Estonteco de la mondo kun Oomoto. — IV. Propagando en Mongolujo. — 48 paĝoj de 13 × 18.5 cm. Eldonita de Oomoto Fremdlanden-Propaganda Oficejo. Ajabe, Japanlando. 1925. Prezo: 30 spesdekoj.

ESPERANTO-DEUTSCHES HANDWOERTERBUCH. — Verkita de Karl Minor, L. K. — Eldonita de Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin & Dresden 1924. — La libro enhavas tri partojn: I. Finaĵoj, prefiksoj, sufiksoj. — II. Vortaro Esperanto-Deutsch. — III. Aldono. — 216 paĝoj de 11 × 16 cm. Prezo: RM. 6.—.

Tiu ĉi vortaro prezentas tre detalan studon pri la vortkonstruo per la gramatikaj finaĵoj kaj per la afiksoj, kiujn la aŭtoro plej zorge analizas. Tiu studo estas valorplena por verkistoj kaj tradukistoj. La verko estas plej zorge eldonita de la konata firmo Ellersiek & Borel.

LEAKEY'S INTRODUCTION TO ESPERANTO, LA LINGVO INTERNACIA. — 2d Edition. — Eldonita de «The Dreadnought Publishers», 152 Fleet Street, E. C. 4. London 1924. — 32 paĝoj de 10 × 16.5

cm. — Prezo: Threepence (3 d.) — Bele eldonita malgranda gramatiketo de Esperanto, en angla lingvo.

LINGVA LUDO: ESPER - MAĜAO. Kvarpaĝa broŝuro (22 × 15.5 cm.) kun la regularo de nova lingva ludo; eldonita de la Dairen-Esperanto-Grupo; Februaro 1925. Adreso: S. J. Obana, Nogimachi 2, Dairen, Manchurio (Azio).

VOLLSTAENDIGES LEHRBUCH DER WELTHILFSSPRACHE ESPERANTO. — De D-ro A. Möbusz. — 5a korektita eldono. — Eldonita de la Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 1924. — 136 paĝoj de 15 × 22 cm. — Prezo: RM. 2.—.

Kompleta lernolibro por germanlingvanoj. La kurso, dividita en 14 lecionoj bonege taŭgas por klasa kaj por memlernado. Pri la taŭgeco ni

ENCIKLOPEDIA VORTARO ESPERANTO — GERMANA. — Dua Parto, de Eugen Wüster. Eldonita de Ferdinand Hirt und Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. 160 gaĝa libro (17.5 × 25 cm.) Prezo: Rmk. 15.—.

La dua parto de tiu giganta verko enhavas la vortaron de «ĉerko» ĝis «folio». Krom tio la unuaj paĝoj estas dediĉitaj al parto de tre interesa studo de Wüster en Esperanto kaj en Germana lingvo pri «Esperantologiaj principoj».

Tiu parto jam enhavas jenajn ĉapitrojn: A. Ĝusto kaj boneco de Esprimo; B. Lingva evolucio centripeta kaj centrifuga.

Ne plu estas necese, ĉi tie insisti pri la graveco kaj pri la taŭgeco de tiu vortaro, nek pri la eldonformo de la libro.— Ni nur ree esprimas la bedaŭron, ke la nuntempaj ekonomiaj cirkonstancoj tutmondaj ne helpas pli rapidan aldonadon de la diversaj partoj, el kiuj konsistas tiu akademia libro, kiu ja signas gravan fakton en la historio de nia lingvo.

INTERNACIA MONDLITERATURO. — Volumo 16: Henryk Sienkiewicz: NOVELOJ. Kun permeso de la posedantoj de la eldonaj rajtoj el la pola originalo tradukis Lidja Zamenhof. Eldonita de Ferdinand Hirt und Sohn en Leipzig 1925. Esperanto-Fako. 64 paĝoj (13 × 19 cm.) Prezo: Rm. 1.60.

Fidela traduko de kvin noveletoj de la granda verkisto H. Sienkiewicz: Lux in tenebris lucet; La maljuna servisto; Dioklo; Estu benita; La anĝelo. — La libro ankaŭ enhavas bonegan biografion pri la aŭtoro, faritan de la tradukintino, la filino de nia karmemora majstro.

GEORGE FOX. — Fondinto de la Religia Societo de Amikoj (Kvakeroj). 1624-1690. Verkita de Henry van Etten. Eldonita de la «Friends' Council for International Service», 136 Bishopsgate London E. C. 2. — 1924. — 16 paĝoj de 12.5 × 18.5 cm. Prezo: 3 pencoj.

Malgranda tre interesa biografio de George Fox.




S-ino Petit, UEA del., 33 rue Chabot Charny, Dijon (Côte d'Or) Franclando, ĝenerala agentino por tuta mondo de «Reklamfirmo Romain Collignon», Nancy, Franclando, PETAS EN BELGLANDO KAJ ALIAJ LANDOJ honestajn, agemajn REPREZENTOJN havantajn referencojn, por pluraj novaj aferoj. Nepra kondiĉo: ili bone konu la komercistojn de sia urbo.

1926 ! Ne forgesu 1926 !

**repagi vian abonon!**

**VIZITU BRUGES (BELGUJO)**
arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro
kaj haltu :

# HOTEL DU CORNET D'OR

**2, PLACE SIMON STEVIN**

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.
Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.
Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj, bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.

*Oni parolas Esperanton.* *English spoken.*

(106)

---

# BANQUE de la FLANDRE OCCIDENTALE

Anonima Societo fondita en 1881

***56, Rue Flamande, 56 — BRUGES — Telefono 89***

Agentejoj en Blankenberghe, Heyst kaj Knocke

DISKONTO MONŜANĜO

**KREDITKONTOJ**

Pruntedono sur obligacioj kaj ĉiuj valordokumentoj — Depono de Akcioj
Borsmendoj por ĉiuj urboj.

**ANTAŬMENDOJ—REGULIGOJ**

Pago de kuponoj — Eldono de ĉekoj — Kreditleteroj
Aĉeto kaj vendo de fremdaj mono kaj biletoj — Luigo de monkestoj.

Multaj oficistoj parolas Esperanton S. D.

(105)

---

? **Ĉu vi estas jam membro de U. E. A.** ?



---

SAMIDEANOJ! KURAĜIGU ESPERANTISTAJN FIRMOJN!

Por via somera ripozloko apud Marbordo, elektu :

# LE GRAND HOTEL D'OOSTDUINKERKE

(Korespondas per Esperanto. — Parolas Esperante).

AGRABLA RESTADO DUM TUTA JARO

BONAJ MANĜAĴOJ. BONAJ VINOJ. TRE MODERAJ PREZOJ.

**Generala agentejo por vendado de Francaj vinoj, oleoj.**
**Skribu al S-ro BENOIT, Grand Hôtel d'Oostduinkerke.**
**El ciuj enspezoj faritaj pere de Esperanto. S-ro Benoît dedicos parton de 5 o/o al la propaganda kaso de "Belga Esparantisto".**

(103)

*(Alilandaj gazetoj Bonvolu represi)*

## Gesamideanoj !

Klopodu apud landaj radio-sendstacioj, por ke ili anoncu siajn programojn en Esperanto.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

# FARU TUJ! KIAL PROKRASTI?

**REPAGU vian kotizon-abonon**

por 1926

## a) se vi estas

membro de loka liga grupo:

AL LA KASISTO DE VIA GRUPO;

## b) se vi estas

aparta membro-abonanto:

*Al la kasisto de la Ligo:*

**S-ro F. MATHIEUX**

**94, AVENUE BEL-AIR, UCCLE-BRUSELO**

**POŜTĈEKO: NRO 39984**

## c) Eksterlandanoj

per poŝtmandato al la suprecitita kasisto de la Ligo.